# ILERA bulteno n-ro 76

Decembro 2016

**Internacia Ligo de Esperantistaj RadioAmatoroj**

**Enhavo**



**En la venonta numero**

QSO DL1CC <--> T43C
Speciala radia aranĝo T43C (ILLW)
Rubriko pri Tekniko
D-star
fakvortoj por E-radioamatoroj

## Estraro de ILERA

**Prezidanto**
JA1FXZ – Josikacu Tanaka (Jojo)
**Vic-Prezidanto**
DJ4PG – Hans Welling
**Sekretario**
PT2CA – Enivaldo Alves Silva
**Kasisto**
DF7TZ – Karl Heinz Schaeffer

*NDR: Vizitu la grupon de ILERA ĉe YAHOO:*
http://groups.yahoo.com/group/esperanto_amatoroj/

Saluton

Karaj membroj de ILERA mi ĵus transprenas la respondecon pri la bulteno de ILERA dum nova estraro ekoficas. Ankoraŭ multaj organizaj demandoj estas surtable. Espereble por la venonta numero vi ricevos pli altkvalitan kaj pli bone bilde prilaboritan bultenon.

Ne miru se vi plu legos pri radiaj aranĝoj de kubaj e-radioamatoroj ĉar ofte ni organizas tiajn aranĝojn. Kompreneble kiu ajn kunlaboro, raporto, informo aŭ traduko estos alte aprezata.

Nun mi parolas kun la estraro pri enretigo kaj dissendado de la bulteno, kie kaj kiu faros tion, lingva revizianto, rubrikoj, teknikaj artikoloj, kiom ofte la bulteno devas aperi, limdatoj kaj multaj aliaj similaj demandoj.

Kelkaj el tiuj demandoj jam estis responditaj de PT2CA/Enivaldo.

Espereble por la venonta numeroj ni havos kelkajn vortojn pri la laborplano de la nova estraro kaj ĝia celo.

Mia aliro al la reto estas tre malofta, espereble la afero pliboniĝos. Sed mi ĉiutage kontrolas mian retadreson bonvolu ne heziti skribi al mi, komenti, demandi aŭ kritiki. co2mm@frcuba.cu estos QRV por vi ĉiuj! Ĉu eble ankaŭ etere?

73 kaj bonan legadon!
CM2MM, Havano, Kubo

# 101ª UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO – NITRA 2016
# ILERA KUNSIDO 2016
# P r o t o k o l o

**Tagordo:**

1. Enkonduko
2. Sinprezento
3. Konkurso
4. Echolink/Vikipedio
5. T-Star
6. Kasraporto
7. Elekto de nova Estraro

## 1. Enkonduko

La kontaktoj per Yahoo-grupo kaj invito, kun diskonigo en la kongresa Anonc-Tabulo, ebligis, per interkonsento, okazigon de ILERA kunsido en dato de 26.jul.2016 je la 17:00a horo en la ĉefa halo de la kongresejo.

Laŭ hazardaj kontaktoj dum la kongresaj eroj eblis identigi almenaŭ 12 radioamatorojn, kiuj partoprenis la 101an UK en Nitra, kiuj pro apartaj kialoj, interalie pro samtempaj programeroj, ne partoprenis ILERAn Kunsidon. Nome: HA1UD – Imre Ferenczy, KN: 26; HA5KFB – László Szilvási, KN: 451 kaj SP2.???;

Komence estis sugestite kaj unuanime akceptita, ke DJ4PG - Hans prezidu la kunsidon kaj, siatempe Hans invitis PT2CAn sekretarii kaj produkti tiurilatan protokolon.

## 2. Sinprezento

Ĉeestis la kunsidon kaj sinprezentis laŭ sinsekvo:

| # | Voksigno | Nomo | Radi-Nomo | e-poŝto | KN |
|---|---|---|---|---|---|
| 1 | **DJ4PG** | Hans Welling | Hans | dj4pg@t-online.de | 1076 |
| 2 | **PT2CA** | Enivaldo Alves Silva | Enivaldo | enivaldo.silva@gmail.com | 105 |
| 3 | **PT2LI** | Maria Lúcia Rêgo Silva | Lúcia | luciaregosilva@gmail.com | 107 |
| 4 | **JE1FCB** | Oshima Junko | Oazo | verdaoazo@yahoo.com.jp | 458 |
| 5 | **HB9ERD** | Udo Isaenko | Udo | udo@isaenko.ch | 545 |
| 6 | **DL3HAD** | Klaus Diekmann | Klaus | klaus.diekmann@wtnet.de | 1194 |
| 7 | **SM5TEY** | Roland Eriksson | Roland | roland.eriksson@fro.se | 1022 |
| 8 | **SA5YLX** | Agneta Emmanuelsson | Agneta | agneta.emmanuelson@fro.se | 1021 |
| 9 | **DF7TZ** | Karl Heinz Schaeffer | Karl | kh.schaeffer@gmx.de | 687 |

Krome ĉeestis la kunvenon, vizitanto interesita pri la temo, kiu, tamen, ne subskribis la liston de partoprenantoj.

## 3. Konkurso

Post diskutado pri daŭrigo de la ILERA konkurso, kaj pro malfacilaĵoj flanke de Wolf, al kiu la tuta grupo esprimas sian koran dankon pro la klopodoj kaj sindediĉo dum li respondecis pri la konkurso, Hans akceptis denove zorgi pri la temo ekde la venonta konkurso, kio, kiel kutime, okazos la duan plenan semajn-finon de novembro. Pri la reguloj, informiĝu tuj sekve sub la titolo Echolink/Vikipedio.

## 4. Echolink/Vikipedio

Reguloj pri la konkurso restas la samaj kaj oni povas pli detale konatiĝi pere de Vikipedio jene: Iru al https://eo.wikipedia.org/ Sekve en la spaco "Serĉi" tajpu "Esperanto-konkurso (radioamatora)" kaj puŝu butonon "Enter".

Sammaniere iru al Vikipedio kaj esploru pri "Echolink" kaj vi eltrovos kaj surpriziĝos pri nombro de informoj kaj orientigo tie disponigitaj al interesitoj. Memoru kaj konsideru ke "Echolink" estas tre grava kaj utila rimedo por radioamatoroj, des pli kiam propagado lamas, kiel okazas lastatempe, sed kaj ĉefe por tiuj, kiuj ne havas aŭ eblas nuntempe uzi radioaparatojn. En tiu artikolo redaktita de DJ4PG estas rekomendoj por komforta uzo de la programo, nome:

I. ***Alarm-listo:*** ebligas komfortan (re-)trovadon de amikoj;
II. ***Permesita nombro de konektoj:*** Por fiksi la maksimuman kvanton de samtempaj kontaktoj, kio estas rekte ligita al kvalito de via interreta servo.
III. ***Alarm Log:*** Se via stacio estis aktiva longe, sed vi forestis, post reveno vi havos liston kun ĉio, kio okazis pri Alarm-listigitaj stacioj dum la pasintaj horoj.

***IV. Aldoni la vorton Esperanto:*** En la subekrano "Location ... loko ..." por "free" tie enmetu la vorton Esperanto, kaj por "busy" utilas "QSO en Esperanto", tiel simpla apero via stacio povas esti reclamado de Esperanto por esplorantoj aŭ preterpasantoj.

Ĉu vi ankoraŭ ne (sufiĉe bone) konas la programon Echolink, indas esplori ĉe https://eo.wikipedia.org/ kaj rezulte elprofiti eblecojn disponeblajn.

5. ***D-Star:*** Estas, Inter aliaj, kroma ebleco por radioamatoroj disponebla en interreto, kiun Roland (SM5TEY) menciis, ke li mem lastatempe utiligas, kaj kies nomo venas de la anglaj vortoj: "**D**igital **S**mart **T**echnologies for **A**mateur **R**adio", sed kontraŭe al Elcholink, estas bezonata aparte specifa aparato por uzi la sistemon.

6. **Kas-Raporto:** Laŭpete de Karl Heinz (DF7TZ), kiu intertempe forestis, Hans legis kasraporton preparita de la kasisto, kiu elmontris pozitivan saldon de proksimume de € 300,00 plus rondcifere € 50,00 de kotizoj pagitaj surloke. Poste kaj persone, la kasisto parolis pri la bezono de kiel eble plej kompleta listo de ileranoj por rekta kontakto kaj informado pri aliĝ-kotizo kaj renovigo, kaj tiucele oni petos helpon al tiuj, kiuj verŝajne havas la plej kompletajn kaj ĝisdatajn listojn.

7. ***Elekto de Nova Estraro:*** Ĉar finiĝis la período de ILERA-Estraro, la ĉeestantoj decidis, post kelkaj sugestoj prezentitaj, voĉdoni por elekto de Nova Estraro, kies rezulto estas la jena:

**Prezidanto** :JA1FXZ – Josikacu Tanaka (Jojo)
**Vic-Prezidanto** : DJ4PG – Hans Welling
**Sekretario** : PT2CA – Enivaldo Alves Silva
**Kasisto** : DF7TZ – Karl Heinz Schaeffer

Krome, estis indikitaj kiel prizorgantoj respondecaj por:

**Konkurso:** DJ4PG – Hans Welling
**Bulteno :** CM2MM – Javier Ramos Nistal (cl2mm@frcuba.co.cu)

**Konklude**

Kvankam oni povas konsenti kun la atentigoj kaj deklaroj konstantaj de la artikolo redaktita de Amri Wandel "Esperanto kaj Fakaj Asocioj Hieraŭ kaj Morgaŭ", oportune indikita de Lenio (G0OOS/PY3DF) por legado kaj konsidero, ILERA ne devas kaj ne povas rezigni pri la ebleco adaptiĝi al nova tempo kaj teknologio.

Tial oni tute ne povas flanken meti eblecojn kiel Echolink kaj nepre prikonsideri novajn manierojn kaj rimedojn teni siajn membrojn en konstantaj kontaktoj por transdoni novaĵojn, informojn utillajn por la ĉiutaga vivo de radioamatoroj, ŝpari monon ankaŭ.

Tiusence, ni nepre eluzu interreton por diskonigadi nian agadon ne nur inter ILERA-membraro sed ankaŭ en aliajn kampojn. Ni komencu per eldono de la ILERA Bulteno en digitala formo, eble en "pdf" formato, kio ŝajne estas unu el la plej facilaj kaj efikaj manieroj por tiaj celoj. Neforgesenda estas la fakto, ke pluekzistado de ILERA plene dependas de la agado de ĉiu el ni.

Protokolis: PT2CA/Enivaldo Alves Silva

*Ĉu vi jam pagis vian kotizon por la kuranta jaro?*
*Se ne,*
*informiĝu pri via jara kotizo.*
*Via kotizo estas grava por la subtenado de ILERA.*
*Ni antaŭdankas vin pro via frua pago!*
*Alternative ĝiru al UEA-konto: iler-a*
Informoj kaj demandoj sendu al nia Kasisto DF7TZ
kh.schaeffer@gmx.de

## E-Radioamaorismo en RHC (Radio-Havano Kubo)

Komence de aprilo oni intervjuis Javier en la radioprogramo *“En contacto”* (En kontakto) ĝi eksklusive temas pri dieksismo en mallongaj ondoj ĉefe por radioaŭskultantoj sed ankaŭ por radioamatoroj. En la programo oni intervjuis min kiel radioamatoro kaj specife pro tio ke mi aŭkultis kelkajn internaciajn elsendojn de radioestacioj kiu havas programojn en Esperanto kiel Ĉina Internacia Radio, Radio Vaticano, Radio Polonia (jam ne plu), Radio Havano Kubo ktp. Ĝenerale oni parolis pri eseranto kaj specife pri la e-radioprogramo de RHC. Ankaŭ oni demandis pri la radia aranĝo kiu okazis dum KERo kie ni uzis la specialan voksignon COØEO kaj ĝnerale pri aliaj radiaj aranĝoj jam okazitaj kiel T41C, COØBS, COØKEA… kaj pri miaj estontaj planoj kiel la aktivado de la Junulara Insulo dum la IOTA (*Islands On The Air*) kaj la Lumturo del Morro dum la ILLW (*International Lighthouse Weekend*) 2016.



Tre gravas aldoni ke la radiostacio jubileis sian 55 jariĝon ĉi 1an de majo kaj en tiu programo kelkfoje oni invitas aliajn radioamatorojn. Oni elsendis la programon la 24/04/2016.

CM2MM/Javier Ramos

## COØEO

Dum KERo (Kuba Esperanto-Renkontiĝo) 2016 okazis radia aranĝo. Raporto pri ĝi aperis en la Reto! Unuafoje ni uzis tiun specialan voksignon kiu ekde nun estos pli ofte uzata de ni dum nia radiaj aranĝoj. Demarŝoj por ĝia uzado estos pli facila ni “rezervis” tiun specialan voksignon por nia radioklubo tiel ke demarŝoj estos pli rapidaj kaj facilaj.

CM2MM/ Javier

## LA INTERNACIA LINGVO KAJ RADIOAMATORISMO

La kampadejo Arcoíris en Santa Clara, Villa Clara de la 15an ĝis la 20an de marto donis siajn sep kolorojn al Kuba Esperanto-Asocio. Tiu feriejo estis elektita por okazigi plian aranĝon de la esperantistoj, kiu inkludis la partoprenon de la nacia estraro, la provincaj prezidantoj, instruistoj kaj aliaj aktivuloj.

Uzante la internacian lingvon Esperanto en sia kontaktoj (QSO) la Speciala Radioklubo Esperanto (KLERA), kiu havas tridekon da membroj ankaŭ estis repezentita en la aranĝo. Ĉeestis Guillermo Navarro Toledano (CO8WG), Javier Ramos Nistal (CM2MM), Ismary Lezcano García (CL2TNT), Heberto García Fonseca (CL6HG), Leonardo Luna Neyra (CL9OKB), Juan Javier Carmona Lima (CM6JCL), María A. Cartaya Martínez (CC) kaj Olga Lidia Barrios Cunningham (CC), kiuj diskutis pri la jam faritaj radiaj aranĝoj kaj pri la planoj por la estonteco.

Ni muntis radiostacion kiel kutime en ĉiu renkontiĝo. Ni uzis la Specialan voksignon COØEO, ni elsendis al la etero serĉante aŭskultantajn kolegojn, ni profitis la okazon por informi pri Esperanto kaj pri la 50a datreveno de la FRC (Federacio de Radioamatoroj el Kubo). Entute ni sukcesis fari 115 kontaktojn, el kiuj 83 estis en la HF bendoj kaj 32 en la 2 metra bendo. Ĉiuj ricevos konfirmkarton pri la QSO kaj la aranĝo. Krome ni havis la viziton de 2 lokaj radioamatoroj Vladimir (CL6VDC) kaj Orestes (CL6OGP) kun kiuj ni interŝanĝis pri tekniko kaj radioamatorismo ĝenerale. La venonta aranĝo de la e-radioamatoroj estis fiksita por la monato decembro kaj la sidejo estos Baracoa, Guantánamo dum la Zamenhofa Metiejo.

***<u>Heberto García Fonseca (CL6HG)</u>***
***<u>kunordiganto de la informsistemo de la FRC</u>***
***<u>Filio Cienfuegos</u>***

Fonto: www.frcuba.cu



# RADIOAMATORA KUNVENO
# 100a UK EN LILLO, FRANCIO, 2015

## PROTOKOLO

Post kontaktoj de Enivaldo (PT2CA) kaj interkonsento kun diversaj kolegoj, estis sugestite okazigi la ILERA-Kunsidon, ĵaŭdon (30/jul/2015) vespere je la 18h30. La renkontiĝo okazis ĉe la Rendevua Tabulo kaj poste, ĉirkaŭ tablo proksime de la kafejo. Malgraŭ tio, ke ĝi ne apartenis al la oficiala programo de la UK, la kunveno estis anoncita en la Kongresa Kuriero n-ro 4 (Belfrido) de la sama tago, ĵaŭdo. Krome, en grandformata Anonco-Tabulo estis anoncita tiu kunveno kun invito al radioiamatoroj kaj interesatoj partopreni.

Pro sugesto de PT2CA estis indikita Hans (DJ4PG) por gvidi la kunsidon kaj Enivaldo mem akceptis la taskon redakti protokolon.

Post mallonga sinprezento de la ĉeestantoj, Hans sugestis tagordon pritraktotan kiel sekvas:

1. **Subskribo de ĉeestantoj –** 14 radioamatoroj ĉeestis la kunsidon kaj subskribis kontrol-liston. Tamen, laŭ informoj de diversaj kolegoj kaj registro de Stéphane, entute 25 radioamatoroj plus 1 radioaŭskultanto (SWL) partoprenis la Universalan Kongreson en Lillo, Francio, kies listo sekvas.

### RADIOAMATOROJ KIUJ PARTOPRENIS EN LA 100a UK EN LILLO, FRANCIO, 2015

| Vice | VOKSIGNO | NOMO | KN | RET-ADRESO |
|---|---|---|---|---|
| 1 | ***F8CFE*** | ***Stéphane**** | ***1012*** | f8efc@free.fr |
| 2 | ***F6DXL*** | ***Yannick**** | ***810*** | yannickdum@aol.com |
| 3 | ***F6GBY*** | ***Bernard**** | ***652*** | bernard.pidancier@wanadoo.fr |
| 4 | JG2KZP | Saliko | | |
| 5 | JF2FOE | Eko | | |
| 6 | 7L4ATH | Teo | | |
| 7 | ***DJ4PG*** | ***Hans**** | **2626** | dj4pg@t-online.de |
| 8 | ***SM5TEY*** | ***Roland**** | **1003** | |
| 9 | ***SA5YLX*** | ***Agneta**** | **1002** | |
| 10 | EA5FVF | Jesuo | 965 | radioford@gmail.com |
| 11 | ***F5RC*** | ***Renata**** | **664** | renata.f5rc@wanadoo.fr |
| 12 | ***PT2CA*** | ***Enivaldo**** | **124** | enivaldo.silva@gmail.com |
| 13 | ***PT2LI*** | ***Lucja**** | **125** | luciaregosilva@gmail.com |
| 14 | ***JO1JAM*** | ***Sunjo**** | **1537** | |
| 15 | ***JR6EJB*** | ***Kibe*** | **353** | sed.kibe@jcom.home.ne.jp |
| 16 | ***7N1LYN*** | ***Vinjo**** | **2079** | vinjo@cocoa.plala.or.jp |
| 17 | ***7L4JHL*** | ***Motoko**** | **708** | motokonakajima@hotmail.com |
| 18 | HL1VWX | Joung | 359 | |
| 19 | DF7TZ | Karl Heinz | 1368 | df7tz@darc.de |
| 20 | G0OOS | Lênio | 886 | |
| 21 | ***BH8ECD*** | ***Urso**** | ***2035*** | zlong0825@qq.com aŭ langlangzhang@gmail.com |
| 22 | ***JF3NMU*** | ***Ryu**** | ***1612*** | yamskir@rainbow.plala.or.jp |
| 23 | DL3HAD | Klaus | 2376 | |
| 24 | N7RZ | Les Kerr | 494 | les@morsekob.org |
| 25 | WB7WDS | Arlyn | 493 | arlyn@morsekob.org |
| 26 | SWL | Monique | 659 | |

**Asterisko (*) post la nomo indikas, ke tiu partoprenis la kunsidon.**

2. **ILERA Kaso –** Hans raportas ke, laŭ informo de la kasisto, malmultaj kontribuis lastatempe kaj la saldo estas malalta, kio malebligas pagi kotizon por salono dum UK. Laŭ informo laste alveninta de la kasisto Karl Heinz, DF7TZ, la jara kotizo momente estas 9,40 Euroj, pagenda al la UEA-konto iler-r.

3. **Uzo de frekvencoj –** La rekomendo estas, nepre utiligi la esperantajn frekvencojn por alvoko kaj kontaktoj, ĉar tiel oni havas pli da ŝanco esti aŭdata de iu ajn aŭskultanto preterpasanta la frekvencon. Hans memorigas antaŭan sugeston laŭeble porti kun si al la UKoj VHF-aparaton (dumetran) kaj oni ĉiam alvoku kaj aŭskultu en la frekvenco 145.550 kHz. Tiel estos pli facile kontakti unu la alian kaj interkonsenti pri kiu ajn renkontiĝo.

4. **Konkurso –** Ĉar fojfoje iu demandas pri okazigo de la Konkurso, ne estas tro ripeti, ke ILERA-Konkurso okazas **ĉiam** je la 3a plena semajn-fino (sabato kaj dimanĉo) de novembro. Alivorte, la konkurso komenciĝas **ĉiam** je la 3a sabato de novembro.

5. **Uzo de Echolink –** Dum diskutado pri la temo, oni konstatas ke, malgraŭ la fakto ke la programo estas en uzo inter ileranoj jam de pli ol 10 jaroj, pluraj kolegoj ankoraŭ ne elprofitas de tiu tre valora rimedo por teni sin en regulaj kontaktoj kun aliaj kolegoj, por interŝanĝo de ĝeneralaj informoj kaj novaĵoj. Echolink, krome, povas esti tre utila dum la Konkurso aŭ en aliaj okazoj por interkonsento esplori propagadon en difinitaj frekvencoj. Tio tute ne signifas, ke oni flanken ĵetas la eblecon uzi radio-frekvencojn, nek ke tiuj preferas Echolinkon anstataŭ HF, VHF aŭ UHF bendoj. Ni elprofitu tiun eblecon nur por radioamatoroj, kiel suplementon de radio-frekvencoj, cetere kiel plia ŝanco reklami pri nia celo Esperanto.

6. **Yahoo-Grupo –** Same kiel Echolink, Yahoo-Grupo ankoraŭ estas subutiligita konsiderante la kvanton de informoj, artikoloj kaj mesaĝoj tie disponeblaj por legado, konsulto kaj komentoj. Do, estus interese kaj grave, ke kiel eble plej multe el ni ofte aliru tiun Grupon kaj esploru ĝin kaj, certe, ne forgesu komenti kaj priopinii aldonaĵojn de aliaj.

7. **Manipulilo Donacata –** Antaŭ la fino de la kunsido, Renata – F5RC donacis al ILERA telegrafian aparaton, manipulilon, kiu, laŭ propono de Hans kaj unuanima decido de ĉeestantoj, estos lotumita okaze de la venonta ILERA-Konkurso.

Lillo-Fr, la 30an de julio, 2015



**ILERA-Grupo UK Lillo 2015**



**ILERA-Kongresa Stacio UK Lillo 2015 TM100E**

**ILERA-Kunsido en Bonaero 2014**

Partoprenis:

- F5RC - Renata
- PT2CA - Enivaldo
- CE4CK - Hector
- RA9YVG - Slava
- JO1JAM - Teruko ***(Sunjo)***
- 7N1LYN - Kimie (***Vinjo***)
- JF3NMU - Ryuzo
- SM5TEY - Roland
- SA5LYX - Agneta

**Konfirmkartoj**



Post kontakto radioamatoro sendas konfirmkarton. Tiu prezentas la stacion, eble kun foto. La karto bone informu pri Esperanto. Tial ILERA rekomendas, uzi tekston en nia lingvo, almenaŭ paralele kun nacia aŭ la angla. La vorto Esperanto aperu bone videbla, en grandaj literoj. Ekzemplojn de Esperanto-konfirmkartoj vi trovas en la Yahoo-grupo.

**Esperanto-Diplomo**

Antau kelkaj dekoj da jaroj, HA7PW establis la ILERA-Esperanto-diplomon.

Amatoroj, kiuj povas prezenti konfirmkartojn de minimume 10 diversaj stacioj, presitaj en Esperanto, aŭ kun alia Esperanto-teksto, povas ricevi ĝin. Poste, pli altaj gradoj eblas lau la nombro de konfirmkartoj. DL1CC estas la unua kiu atingis la gradon 200 per prezentado de 200 kartoj. Pri la detalaj reguloj vidu en nia Yahoo-grupo.

Post la morto de Laszlo nun Riĉardo, LY2FN prizorgas la diplomon.

**Konkurso en Esperanto**

La organizo de esperantistaj radio-amatoroj, ILERA, ĉiujare organizas la Esperanto-konkurson. Ĝi okazas ĉiam dum la tria sabato de novembro plus sekvanta dimanĉo. Plenajn regulojn vi trovas en la ILERA-Yahoo-grupo.

La unua Esperanto-konkurso okazis en 1977. Ĝi estis organizita de DJ4PG. Nun DL1CC zorgas pri la konkurso.

La konkurso donas multe pli bonan ŝancon ol normalaj tagoj, atingi Esperanto-staciojn. Se oni partoprenas dum kelkaj horoj, oni povas dum unu semajnfino atingi la necesajn kontaktojn por la unua grado de la Esperanto-diplomo. Dum la dua duono de la konkurso intensa babilado estas rekomendata. Ni uzu la okazon!

Por atingi multajn Esperanto-staciojn, rekomendinde estas, enŝalti Eĥolink por tie ricevi informojn, je kiuj frekvencoj aktivas samideanoj.

- **Echolink**

Dum la UK en Jokohamo en 2007 ni decidis, uzi Echolink kiel aldonan bendon.

Tio abligu partoprenon ankaŭ por tiuj, kiuj ne havas sufiĉe bonan stacion aŭ licencon por sukcese aktivi je mallongaj ondoj.

Instalu vian EL-programon tiel, ke vi ricevos je via ekrano informojn, kiuj Esperanto-amatoroj estas aktuale aktivaj.

- aktivigu la alarm-liston
- aktivigu la alarm-logon

**Speciale efika por propagandi por Esperanto:**

- post via voksigno enmetu tekston „**Esperanto**“ (ne la kutiman „loko“ a.s.)

Se multaj faros tion, la kutime pli ol 3000 stacioj aktivaj havas ŝancon, rimarki nin kaj eventuale kontakti nin.

Per kontakto en EL vi povas aranĝi kontaktojn en mallongaj ondoj.

Tralegu la artikolon Echolink en la Vikipedio.

**KONTRIBUOJ** sendu al PT2CA
enivaldo.silva@gmail.com
kopie al CM2MM
co2mm@frcuba.cu

**TEAMO:**
Redaktado kaj enpaĝigo:
*Javier*/**CM2MM**
Redaktado, verkado:
*Enivaldo*/**PT2CA**
Ligva kontrolo:
*Hans*/**DJ4PG**